Z. ADAM
(ADAM ZAKRZEWSKI, L. K.)

# Historio de Esperanto

## 1887—1912

[VERKO PREMIITA EN KONKURSO DE LA ORGANIZA KOMITATO DE LA VII-A INTERNACIA ESPERANTISTA KONGRESO. ANTWERPEN 1911]



I. L. ZAMENHOF

VARSOVIO
LIBREJO GEBETHNER KAJ WOLFF, STR. NOWO-SIENNA 9.
1913.

*ESTIMATA LEGANTO!*

*La proksimiĝanta centa datreveno de la apero de la unua libro de Doktoro Esperanto, kiu pasos precize la 26-an de julio 1987, instigis nin ellabori specialan programon de la celebrado de la datreveno. En ĉi tiu programo konsiderindan lokon okupas eldonaĵoj.*

*Ni deziras reeldoni tutan serion de niaj plej valoraj klasikaj verkoj kaj ankaŭ aperigi novajn librojn, per kiuj ni volus inde omaĝi la datrevenon.*

*La unua verko en la serio de la reeldonoj estas „Historio de Esperanto" de Adam Zakrzewski. Ni kredas, ke per ĉi tiu libro ni proksimigos al la nuntempaj generacioj esperantistaj la jam foran epokon de la unuaj jaroj de la ekzisto de nia lingvo, la epokon de niaj pioniroj, kies saĝaj iniciatoj kaj entreprenoj vivantigis la lingvon kaj kreis firman bazon por iom-post-ioma vastigado de ĝia praktika utiligo.*

*POLA ESPERANTO-ASOCIO*

*ĈEFA ESTRARO*

*Varsovio, la 26-an de julio 1979.*

# ADAM ZAKRZEWSKI

Adam Zakrzewski (1856–1921) apartenas al la plej rimarkindaj kaj neniam forgesotaj figuroj en la pola kaj internacia E–movado. Li naskiĝis en 1856 en la Podola Gubernio, mortis la 1–an de novembro 1921 en Varsovio pro aŭtomobila stratakcidento.

Zakrzewski finis superajn studojn en la fizika–matematika fakultato de la Peterburga Universitato kaj poste jam en Varsovio li disvolvis siajn sciencajn interesiĝojn. Li verkis pollingve multajn disertaĵojn, artikolojn kaj librojn kaj kunlaboris kiel aŭtoro ĉe la pretigo de la tiutempa pola „Granda Enciklopedio". En la lastaj vivjaroj li estis estro de la statistika sekcio ĉe la Varsovia Magistrato.

Jam en la junaĝo Zakrzewski ege interesiĝas pri la ideo de lingvo internacia kaj siajn unuajn konsiderojn kaj elvolvojn pri la temo li publikigis en 1885 en la artikolo „Język Powszechny" (Universala Lingvo) aperigita en du laŭvicaj numeroj (49, 50) de la varsovia revuo „Wędrowiec" (La Migranto). Tiam li estis adepto de Volapük. Pri E-o li komencis pli proksime okupiĝi en 1894. Poste li studis aliajn lingvoprojektojn kaj (cetere same kiel Grabowski) li eĉ mem ellaboris tute memstaran planlingvon (en 1896) „Lingva International". En tiu tempo de la intensa okupiĝado pri diversaj planlingvoj li kolektis ampleksan dokumentitan materialon, kiun multajn jarojn pli poste (en 1905) li aperigis pollingve en la 151-paĝa libro „Język Międzynarodowy: Historya. Krytyka. Wnioski". (Lingvo Internacia: Historio. Kritiko. Konkludoj). Tiam la vidpunkto de Zakrzewski pri planlingvo definitive kristaliĝis. Kiel iama volapükisto li bone komprenis, ke tian rolon povas ververe plenumi nur lingvo

simpla, -facile ellernebla kaj samtempe nek tro naturalisma, nek tro artefarita. „Tia lingvo jam ekzistas, ĝi estas Esperanto" — li ofte substrekis en siaj pollingvaj artikoloj, kiujn de 1903 (komencante de tiu en „Kurier Polski", Nroj 145, 146, 147) li komencis regule aperigi en la varsovia gazetaro.

Kaj do Zakrzewski revenis al E-o kaj de tiu tempo li dediĉis al ĝi sian tutan vivon diversmaniere kontribuante al la evoluigo de la lingvo kaj movado. La artikoloj de Zakrzewski publikigitaj en 1904—1905 en „Ognisko" klare montras, ke oni povas alkalkuli lin al la pioniroj de interlingvistikaj kaj esperantologiaj esploroj.

Al la plej gravaj libroformaj verkoj de Zakrzewski apartenas „Historio de Esperanto" 1887 — 1912, aperigita en Varsovio en 1913. Tiu ci 144 - paĝa verko ricevis la ĉefpremion en speciala konkurso de la organiza komitato de la VII-a Universala Kongreso de E-o en Antverpeno 1911. Ĝi prezentas tre fidindan superrigardon pri la evoluo de la E-movado en la unua epoko de ĝia historio. La aŭtoro konsultis multajn detalojn kun Zamenhof, respektive utiligis lian privatan arkivon kaj la unuopajn ĉapitrojn de la verko li pridiskutis kun siaj samtempuloj, kiel Brzostowski, Bein, Grabowski kaj ĉar li abunde citas diversajn dokumentojn kaj ofte referancas al bazaj fontoj — lia verko kvazaŭ aŭtomate, per si mem, fariĝas dokumento, des pli, ke multaj aŭtentaj dokumentoj el tiu epoko, precipe tiuj koncernantaj la polan movadon, neniiĝis neripareble en la flamuragano de la du mondmilitoj. Aliaj prihistoriaj verkoj de Zakrzewski aperigitaj broŝur - aŭ libro-forme: „Język międzynarodowy Esperanto. Historya i stan obecny" (1906), „Esperanto en unua dudekjaro 1887—1908" (1909).

Zakrzewski verkis ankaŭ lernolibron „Język międzynarodowy Esperanto d-ra Ludwika Zamenhofa. Historya. Gramatyka. Teksty". (1905), kiu origine aperis en la revuo „Ognisko" (1905), kaj la unuan en la historio de la internacia E-movado ampleksan (159 paĝoj) analizan gramatikon de E-o „Gramatyka Języka Esperanto" (1907) por poloj. Senkulpigante sin pro la amplekso de la verko Zakrzewski skribas en la antaŭparolo, ke jam en 1888 en la „Aldono al la Dua Libro de l'Lingvo Internacia" L. Zamenhof postulis, ke **„oni devas eldoni pli vastajn lernolibrojn laŭ bonaj metodoj, kun multaj ekzemploj, ĉar la nunaj lernolibroj estas tre mal-**

grandaj, kunpremitaj..." Zakrzewski bone konscias kaj mem konstatas, ke tia libro „laŭ propaganda vidpunkto povas ŝajni nedezirinda" ĉar „ĝi estos ŝajna kontraŭo de la ĝenerale anoncata facileco de tiu ĉi lingvo". Sed laŭ Zakrzewski „tio ĉi estas neevitebla". Li konstatas, ke — spite al e-istoj, kiuj heroldas pri kvaronhora ellerneblo de la E-gramatiko kaj unusemajna ellerneblo de la lingvo — la lernado de E-o ne povas esti nur ludo, se oni volas esprimi per ĝi „ĉiujn nuancojn de la homa penso".

Unu el la plej gravaj verkoj de Zakrzewski, aperinta en 1912 sub la pseŭdonomo Z. Adam estis „Esperanta - Pola kaj Esperanta-Litova Bibliografio 1887—1912".

Estas substrekinde, ke Zakrzewski (de 1906) estis aktiva membro de la Lingva Komitato. Sian unuan teorian studon li publikigis tamen jam pli frue en 1902 en Berlino „L'Alphabet de la langue Internationale". Li akre kontraŭbatalis la reformemajn tendencojn precipe en la periodo de Ido-skismo. Inter prilingvaj disertaĵoj kaj artikoloj menciindaj estas: „Pri nomoj de sciencoj" (1912), „Pri nomoj de landoj" (1912), „Pri transskribo de propraj nomoj en Esperanto" (1909).

Entute Zakrzewski verkis 15 broŝur - kaj libroformajn publikaĵojn, en la lingvoj pola, franca kaj E-o, 29 artikolojn kaj teoriajn studojn en E-o, kaj 14 seriozajn artikolojn pollingvajn pri E-o kaj pri E-o en komparo kun aliaj planlingvoj. Unu lia verko „Historio de Esperanto" estis tradukita en la germanan lingvon („Geschichte des Esperanto", 1912). Li mem tradukis neniun libron, neniun poemon, li ĉiam verkis nur originale! Kompreneble ne parolante pri la traduko en la polan lingvon de kelkaj propraj artikoloj, ĉar en la jaroj 1908—1914 la plej gravaj artikoloj en „Pola Esperantisto" (kies kunredaktoro li cetere estis) aperis paralele en la pola lingvo kaj en E-o.

Kiel membro de la Lingva Komitato li ĉiam pledis por evoluigo de la lingvo per vojo laŭleĝa; instruita per la sorto de Volapük, li severe gardis la purecon de la lingvo subtenante la postulon de Zamenhof, ke la novaj formoj „ricevu forton nur tiam, kiam la Lingva Komitato ilin aprobos kaj kongreso esperantista donos al ili sian sankcion...".

Dum kelka tempo Zakrzewski partoprenis ankaŭ en la organiza laboro kiel kasisto de la Varsovia Societo Esperantista (1904).

Por la fino mi ankaŭ menciu anekdoton pri li. Al la homoj, kiuj diris al li, ke „lingvo artefarita neniam fariĝos internacia, ĉar ĝi ne havas tradiciojn, ĝi estas mortnaskita lingvo". Zakrzewski kutimis respondi en Esperanto: „Mi ĉiam opiniis, ke lingvo mortinta estas tiu, kiun oni ne plu uzas por la ĉiutagaj bezonoj. Vi ja vidas, ke Esperanto vivas, ĉar mi uzas ĝin por diri al vi, ke vi ne estas tre spritaj!".

**Andrzej Pettyn**

Varsovio, la 26-an de julio 1979

# ENHAVO.



## PORTRETOJ KAJ ILUSTRAĴOJ.

# Preseraroj

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| *p. 1* | *v. 20* | *anst.* de | *devas esti* | do |
| „ 2 | „ 1 | „ disvolvigado | „ | disvolviĝado |
| „ 16 | „ 12 | „ miljonoj | „ | milionoj |
| „ 25 | „ 18 | „ atento | „ | atendo |
| „ 26 | „ 12 | „ pruvo | „ | provo |
| „ 26 | „ 3 | „ indiferentecou | „ | iudiferentecon |
| „ 32 | „ 20 | „ esperanta | „ | esperata |
| „ 34 | „ 4 | „ estós | „ | estos |
| „ 54 | „ 29 | „ Irlandio | „ | Irlando |
| „ 55 | „ 20 | „ 2351 | „ | 2054 |
| „ 55 | „ 21 | „ 2054 | „ | 2351 |
| „ 63 | „ 17 | „ katolikoj | „ | katolikaj |
| „ 75 | „ 15 | „ per | „ | por |
| „ 84 | „ 17 | „ plenumataj | „ | plenumatajn |
| „ 91 | „ 13 | „ provi | „ | pruvi |
| „ 96 | „ 26 | „ oficiafaj | „ | oficialaj |
| „ 102 | „ 34 | „ maltermi | „ | malfermi |
| „ 112 | „ 25 | „ Privot | „ | Privat |
| „ 114 | „ 3 | „ Voitiers | „ | Poitiers |
| „ 116 | „ 17 | „ 98 | „ | 97 |
| „ 119 | „ 21 | „ Dein | „ | Bein |
| „ 141 | „ 20 | „ provaj | „ | provoj |
| „ 143 | „ 9 | „ fia | „ | fia — |

„Multaj el vi konas la historion de lastaj jaroj de la Esperantismo, kiam longe dormintaj semoj komencis doni trunketojn, sed tre malmultaj konas la historion de la unuaj dek jaroj, kiu konsistis en senfina, ŝajne tute sensukcesa semado“...— diris Zamenhof en sia Cambridge'a parolado.

„La Komenco de nia afero estas kovrita de densaj nebuloj. Hodiaŭ novaj anoj estas akiritaj per metodaj kursoj, per detalaj lernolibroj; ili perfektiĝas per riĉa literaturo. Sed kiel esperantiĝis unuaj apostoloj?“...— demandis Otto Simon en „Lingvo Internacia“.

„Oni facile sukcesas fari el mil Esperantistoj du aŭ tri milojn, sed estis miraklo fari el unu Esperantisto du, el du—tri“...—diris iam Th. Cart.

Detala priskribo de la unua epoko de Esperanta historio trovas en tiuj-ĉi vortoj sufiĉan, mi pensas, bazon. Ĝi respondas verŝajne al deziroj de multaj niaj samideanoj. Mi rimarkos ankoraŭ, ke la materialoj por tiu unua epoko fariĝas de tago al tago pli raraj: estus de nepardoneble plene ilin ne eluzi. Mi konfesas, ke mi multfoje eĉ detenis min de priskribo ankoraŭ pli detala, pli elĉerpanta materialojn kaj montranta tiel mirindan kontinuecon en la

disvolvigado de Esperanto, malgraŭ tiom da kritikaj momentoj en ĝia mallonga vivo. Naskiĝas nevole pripenso, ĉu tio ne estas pruvo de vera genieco de la elpensaĵo!

Kontraŭe, la dua parto de tiu ĉi laboro estas jam preskaŭ nur seka kroniko de plej gravaj faktoj, nur skizo por estonta laboro. La aŭtoro petas senkulpigi lin, se iaj meritaj nomoj estas nevole forgesitaj. Li ankaŭ antaŭvidas alian, plene merititan riproĉon: mankas ĉapitro pri historio de Esperanto en apartaj landoj. Sed tio estis tasko neebla en konkursaj kondiĉoj sen helpo de multlandaj kunlaborantoj, ĉar ni ne forgesu, ke

**nun en Esperantujo la suno neniam subiras!**

*Varsovio, Junio 1911.*

# Historio de Esperanto
## 1887—1912.



L. L Zamenhof.

**I-a Epoko. Ludoviko Lazaro Zamenhof, unuaj esperantaj broŝuroj kaj unuaj Esperantistoj. 1887—1888.**

La 26-an de Julio 1887 aperis en Varsovio malgranda 40-paĝa broŝuro, kies plena titolo en lingvo rusa estis: „D-ro Esperanto. Lingvo Internacia. Antaŭparolo kaj Plena lernolibro. por Rusoj. Prezo 15 kopekoj. Varsovio. Tipo-litografejo de Ĥ. Kelter, str. Nowolipie № 11. 1887". Sur la titola paĝo estis ankoraŭ devizo: „Por ke lingvo estu tutmonda, ne sufiĉas nomi ĝin tia".

Sub tiu ĉi modesta pseŭdonomo kaŝis sin juna Varsovia kuracisto, Ludoviko Lazaro Zamenhof. Na-

skita la 15-an de Decembro 1859 en urbo Białystok, Zamenhof pasis siajn infanajn jarojn en tiu ĉi loko, kie lia patro, Marko Zamenhof, havis lernejon kaj instruis lingvojn francan kaj germanan.

Ĉar la karaktero de la urbo havis, laŭ propra diro de nia Majstro, grandan influon sur liajn pensojn kaj postajn laborojn, ni devas priskribi ĝin en kelkaj vortoj. Białystok de jaro 1806 apartenas al Rusujo; ĝi kuŝas ankoraŭ en pola etnografia teritorio, sed nun jam ekster la limoj de Pola Regno, en lando, nomita Nord-Okcidenta, en Grodna gubernio. Kiel en ĉiuj urboj de grandega regiono inter Polujo kaj Centra Rusujo, de Baltika ĝis Nigra maroj, t. e. en Baltiklando, Litovujo, Blankrusujo, Ukraino, la loĝantaro konsistas el plej diversaj naciaj elementoj, la rilatoj inter kiuj, pro diversaj kaŭzoj, ne estas amikaj. Antaŭ ĉio diverseco de religioj, preskaŭ identa kun nacia: Poloj—katolikoj, Rusoj—ortodoksoj-grekaj, Hebreoj—izraelidoj, Germanoj—protestantoj*). Same en profesioj: Rusoj, preskaŭ ekskluzive oficistoj kaj militistoj, estas la reĝanta klaso, privilegiita, tenanta sin aparte, kiel konkirintoj de la lando; Hebreoj — estas precipe komercistoj, Poloj—metiistoj kaj laboristoj,—la plej malriĉaj, senrajtigitaj klasoj, kies lingvoj estis persekutitaj, forigitaj el oficejoj, juĝejoj, lernejoj. Tia divido, subtenita per leĝoj, kreis rilatojn malfacilajn, malamikajn.

---

*) Laŭ statistiko de jaro 1897 urbo Białystok kalkulis sen militistoj 61812 loĝantoj, el kiuj: 40759 Hebreoj, 11239 Poloj, 4795 Rusoj, 3616 Germanoj, 1219 Blankrusoj, 184 aliaj. Laŭ religioj (kun militistoj): 41903 izraelidoj, 12519 katolikoj, 7947 ortodoksoj-grekaj, 3516 protestantoj, 72 mahometanoj, 75 aliaj. El 41903 izraelidoj 836 montris lingvon rusan kiel sian patran, 28—polan, 64 — germanan, 8—aliajn, ceteraj — hebrean.

La juna Zamenhof vidis tion bone kaj tio turmentis lian noblan koron. Li kvazaŭ antaŭvidis sangan epilogon de tiu malamikeco: en sama urbo Białystok, kelkaj jaroj poste, en 1906, okazis unu el la plej teruraj masakroj de Hebreoj, kiuj iam okazis: sovaĝa amaso ĵetis sin kun hakiloj kaj feraj stangoj kontraŭ senhelpaj homoj, frakasis kraniojn de infanoj, pikis okulojn de maljunaj virinoj. Multaj homoj estis mortigitaj. Terura rezulto de antikva roma principo: *divide et impera.*

En la infana animo de Ludoviko Zamenhof naskiĝis penso, kiu jam ne forlasis lin dum lia tuta vivo, ke lingvo neŭtra, ne ofendanta naciajn sentojn de neniu, povas fariĝi ligilo inter diversnacianoj kaj plidolĉigi iliajn rilatojn.

Kiam li komencis labori pri la efektivigo de tiu penso, li tute ne sciis, ĉu iu iam okupis sin pri tia problemo. Estas do interese, ke li senkonscie trapasis samajn fazojn, kiujn la historiistoj poste difinis en la evoluado de la ideo de lingvo internacia. La unuaj provoj de Zamenhof estis pure aprioriaj: li elpensis vortojn el plej simplaj, facile prononceblaj silaboj: *ba, ca, da... eb, ec, ed... aba, aca, ada...* kaj aljuĝis al ili laŭvolajn signifojn. Tamen li baldaŭ komprenis bone tion, kion neniam povis kompreni Volapukistoj kaj ilia estro, ke tia lingvo estus tro malfacile ellernebla, tro fremda por ĉiuj, ke ĝi neniam estus povonta allogi amasojn. Tiamaniere Zamenhof alvenis al ideo de lingvo, bazita sur elementoj konataj, kiel eble pli *internaciaj.*

En tiu ĉi tempo (Decembro 1873) Zamenhof kun siaj gepatroj transloĝiĝis Varsovion, kie lia patro okupis oficon de inspektoro de privata lernejo kaj iom poste de profesoro de germana kaj franca lingvoj en regna reala lernejo. Ludoviko Zamenhof komen-

cis siajn lernejajn studojn jam en Białystok en 1869 en la reala lernejo. En Varsovio, en Aŭgusto 1874, li eniris en la 2-an klasikan gimnazion, en 4-an klason kaj tuj poste fariĝis varma latinisto, ĉar la beleco, la riĉeco de formoj de latina lingvo plene allogis lin. Li kredis, ke lia amata problemo tiamaniere solviĝos plej bone. Sed li baldaŭ eksciis per propra elprovo, kiel lernanto, ke riĉeco de gramatikaj kaj stilaj formoj ne nur ne estas sinonimo de facileco, sed bedaŭrinde, ĝuste kontraŭe. Tiaj kvalitoj estas netolereblaj kaj evitindaj en lingvo, kiu intencas konkiri la mondon. Feliĉe li ekkonis tiam ankaŭ lingvon anglan, kies gramatika simpleco fariĝis modelo por lia projekto. Fine, rimarkinte, ke niaj modernaj eŭropaj lingvoj enhavas jam grandan nombron da komunaj vortoj jam vere internaciaj, ke estus do erare ne eluzi tiun materialon, pretan fundamenton de lingvo internacia, li alvenis al principo de internacieco de lingvaj elementoj.

En jaro 1878 la unua projekto de lingvo arta de Zamenhof estis preta. Li nomis ĝin: *Lingwe Uniwersala* kaj komencis propagandon inter siaj kolegoj. La 5-an de Decembro 1878 en rondo de varsoviaj gimnazianoj estis entuziasme festita la apero de nova lingvo, simbolo de frata unuiĝo de tuta homaro. Dum tiu festo longe sonis strofoj de nova himno:

*Malamikete de las nacjes*
*Kadó, kadó jam temp'està!*
*La tot' homoze in familje*
*Konunigare so debà.*

La lingvo, kiel ni vidas, estis bazita sur elementoj latinaj kaj estis jam prototipo de la nuna Esperanto.

Mokoj de maturaj homoj, konsiloj de amikoj de la familio, — kiuj diris al la patro, ke lia filo estas

por ĉiam perdita, ĉar lia fiksa ideo estas simptomo de komenciĝanta nesanigebla frenezo,—ĉio tio ĉi decidis Zamenhof promesi al gepatroj, ke li forlasos tiun ideon almenaŭ ĝis fino de siaj universitataj studoj.

En Junio 1879 Zamenhof finis gimnazian kurson kaj en aŭgusto veturis Moskvon por studi medicinon en tiea universitato. Tamen, ne trovinte helpan okupon por gajni siajn vivrimedojn, li post du jaroj revenis ĉe siajn gepatrojn kaj daŭrigis studojn en Varsovia universitato, kies kurson li finis en 1885 kun diplomo de kuracisto. Nun komencas por la juna medicinisto plej malĝoja periodo de lia vivo, dum kiu li veturas de loko al loko por trovi plej modestajn vivrimedojn: ni vidas lin en litova urbeto Vejsieje, poste en Płock (1886), — de kie li veturis Vienon por specialaj kursoj de oftalmologio, kiun li decidis elekti kiel sian specialaĵon. En aŭtuno 1886 li provis komenci okulistan praktikon en Varsovio en la loĝejo de siaj gepatroj (str. Muranowska, 40). Tie post duonjaro li konatiĝis kaj baldaŭ edziĝis (9-an de Augusto 1887) kun fraŭlino Klaro Zilbernik, al kiu li malkaŝis sian misteron kaj trovis en ŝi fervoran, ofereman, sindoneman helpantinon por sia tuta vivo. Tie ankaŭ li definitive pretigis kaj publikigis unuan esperantan libreton.

Tamen, la kuracista praktiko progresis ĉiam obstine kaj en 1889 Zamenhof decidis transveturi en urbon, en kiu bezono de specialisto por okulaj malsanoj estus pli granda. Lia edzino revenis Kovnon ĉe siajn gepatrojn kaj la juna doktoro rekomencis sian migradon tra urboj Brześć, lia naskejo Białystok, Ĥerson en suda Rusujo, denove Varsovio (majo 1890 strato Nowolipki 21), fine li elektis urbon Grodno, kie li restis dum 4 jaroj (de Oktobro 1893 ĝis No-

vembro 1897) kaj reerevenis Varsovion, kie li luis loĝejon en malriĉa kvartalo, ĉe strato Dzika N-o 9, kie li loĝas ĝis nun.

Dum ĉiu tiu tempo Zamenhof, malgraŭ promesoj kaj plej fortaj decidoj, ne ĉesis labori pri sia lingvo. En 1885 post multaj provoj kaj tradukoj el plej diversaj lingvoj, la lingvo ŝajnis al li sufiĉe elprovita kaj taŭga por praktika uzo kaj li decidis publikigi sian unuan lernolibron. Dum du jaroj li vane serĉis eldoniston kaj fine eldonis ĝin mem en Julio 1887.

Tiu ĉi libreto, kies titolon ni supre citis, enhavas jam plenan fundamenton de Esperanto, neniel ŝanĝitan ĝis nun, krom unu malgranda detalo. Ĝi donas jam preskaŭ plenan, sisteman teorion de lingvo, kiu hodiaŭ, post dudek kelkaj jaroj, posedas milojn da fervoraj adeptoj en ĉiuj ĉefaj centroj de la homa intelekta movado, en ĉiuj landoj, inter ĉiuj klasoj sociaj, komencante de eminentaj scienculoj ĝis laboristoj, komercistoj k. c.


Дрѣ ЭСПЕРАНТО.

МЕЖДУНАРОДНЫЙ

ЯЗЫКЪ.

ПРЕДИСЛОВІЕ

и

полный учебникъ.

por Rusoj

Чтобы языкъ былъ всемірнымъ, не достаточно назвать его такимъ.

Цѣна 15 копеекъ

ВАРШАВА

Типо-Литографія Х. Кельтера, ул. Новолипье № 11

1887.

Unua esperanta libro
19,5 × 14 cm.
aperis 26-an de Julio 1887.

Mirinda rezulto, belega rekompenco de multjaraj oferplenaj laboroj de la aŭtoro, superanta certe

liajn plej kuraĝajn esperojn. Oni vere povas diri, ke neniam doktrino aŭ scienca teorio havis tiel rapidan, senrompan, tutmondan progreson.

Pri tiu broŝuro Zamenhof prave diris: „eĉ se mi tiam estis mortinta, la lingvo povus evolui sen mia helpo, el ĝia propra fundamento“.

Ni do devas detale priskribi tiun eksterordinaran libreton, kiu elirinte el malgranda presejo, kaŝita en malluma angulo de Varsovio, trairis kuraĝe kaj rapide tutan teran globon ĝis antipodoj! Ĝi estas hodiaŭ bibliografia raraĵo.


Dr. ESPERANTO.

JĘZYK MIĘDZYNARODOWY.

PRZEDMOWA i PODRĘCZNIK KOMPLETNY

(per Poloj)

[illegible]

Cena kop. 15.

WARSZAWA

w Druk. i Lit. Ch. Keltera, ul. Nowolipie № 11.

1887.

Dua esperanta libro
19,5 × 14 ctm.
aperis 6-an de Septembro 1887.

La libreto enhavas: a) Antaŭparolon de 28 paĝoj, en kiu ni trovas unuajn esperantajn tekstojn: I. Patro Nia (preĝo); II. El Biblio; III. Letero; IV. Mia Penso (30 versoj de originala poezio); V. El Heine (12 versoj, tradukaĵo); VI. Ho, mia kor' (8 versoj originalaj); b) 8 kartetojn kun deklaro, enhavanta promeson ellerni Esperanton, se dek milionoj da personoj donus publike saman promeson; c) plenan lernolibron de Lingvo Internacia, konsistantan el alfabeto, 8 gramatikaj reguloj, 8 reguloj ĝeneralaj (6 paĝoj). Krom tio sur granda aparta folio (41,5×44,5) es-

tas aldonita Vortaro • Internacia-Rusa, enhavanta 917 radikojn kaj klarigojn pri ĝia uzo. Sur la dua paĝo de la broŝuro ni trovas permeson de la rusa cenzuro, ĉiam nepre enpresatan sur ĉiu libro, kun dato: 21-a de Majo (t.e. 2-a de Junio) 1887*) kaj surskribon en lingvo rusa: „Lingvo Internacia, kiel ĉiu nacia estas komuna propraĵo; la aŭtoro forlasas por ĉiam ĉiujn personajn rajtojn al ĝi“. Sur la antaŭlasta paĝo de la kovrilo estas surskribo: „la rajto de traduko de tiu ĉi broŝuro en ĉiujn aliajn lingvojn apartenas al ĉiuj“ (ruse); sur la lasta paĝo, ruse kaj esperante: Adreso de la aŭtoro: Al. Sinjoro D-ro L. Zamenhof' por DRO Esperanto en Varsovio. Ĉefa vendejo de tiu ĉi broŝuro (en rusa lingvo) en librvendejo de V. A. Istomin en Varsovio.

---

*) Tiun ĉi daton multaj Esperantistoj konsideris kiel tagon de apero de la unua esperanta verko. Sed kiu konas kutimojn en Varsovio, scias, ke tio estas erara. La cenzoro subskribas manskribaĵon kaj sen lia subskribo nenia presejo sub severa respondeco povas komenci presadon. La tago de apero de la presita libro estas do pli malfrua; estas ankoraŭ necesa nova permeso por publikigi la jam presitan libron, tiel nomita „bileto por ellasi" ĝin. Nur tiam ĝi povas aperi en librvendejoj k. c. En malnovaj libroj de la presejo de F-ino Elżbieta Kelter, filino de mortinta Ĥristian Kelter mi trovis la daton de tiu ĉi liberiganta „bileto“: ĝi estis: **14-a (t.e. 26-a) de Julio 1887**. Tio estas la vera tago de la apero de la unua esperanta libro.

Oni rakontas, ke la cenzoro estis feliĉe amiko de la patro Zamenhof, li permesis publikigi la broŝuron, konsiderante ĝin nedanĝera sensencaĵo. Pro tio eble la unua broŝuro estis rusa, ĉar polaj verkoj estis cenzuritaj pli severe. La dua, pola broŝuro, cenzurita 9-an (21-an) de Julio aperis 25-an de Aŭgusto (6-an de Septembro) kaj la tria franca cenzurita 12-an (24-an) de Septembro kaj la kvara, germana, cenzurita 21-an de Oktobro (2-an de Novembro), aperis ambaŭ 12-an (24-an) de Novembro 1887.

Al tiuj devizoj Zamenhof, kiel ni vidos, restis severe fidela dum sia tuta vivo, eĉ kiam Esperanto fariĝis bona komerca afero. Ni bone scias, ke aliaj aŭtoroj de lingvoj internaciaj havis opinion iom alian kaj konsideris siajn projektojn kiel netuŝeblan sian propraĵon.

En la antaŭparolo, post kelkaj vortoj pri utileco kaj neceseco de lingvo internacia, Zamenhof klarigas tri ĉefajn demandojn, de kies solvo, laŭ lia opinio, dependas la definitiva solvo de la problemo. Jen ili estas:

I. facileco de la lingvo;

II. ebleco de tuja uzo, t.e. ke la lingvo povu servi por internaciaj rilatoj tute egale, ĉu gi estos akceptita de ĉiuj, aŭ ne;

III. vivigo de la lingvo, t.e. ke ĝi eble plej baldaŭ estu uzata, kiel lingvo viva, de amaso da homoj.

Neniu el lingvoj, proponitaj ĝis nun kiel internaciaj, — diras Zamenhof, — solvis pli ol unu el tiuj tri problemoj kaj eĉ tiun nur parte.

Por solvi unuan postulaĵon Zamenhof simpligis ĝis lima grado la gramatikon kaj plimalgrandigis la vortaron. La nombro da vortoj, kiujn oni bezonas lerni, estas do antaŭ ĉio malgrandigita per helpo de sufiksoj.

Danke, ekzemple, al la sufikso *il* vortoj *hakilo*, *kombilo*, *sonorilo*, *flugilo*, *glitilo*... estas forigitaj el esperanta vortaro, ĉar ili estas kompreneblaj per sia propra konstruo; same, la sufikso *in* faras nenecesaj ĉiujn substantivojn virinajn: *fratino*, *knabino*, *avino*, *bovino*; la prefikso *mal* faras superfluaj ĉiujn vortojn, kun signifoj kontraŭaj al la radiko: *malvarma*, *malnova*, *malami*, *malbeni*, *malriĉeco*, *malfeliĉeco*... k.c. Tio estas efektive potenca rimedo por faciligi

la ellernadon de la lingvo kaj ĝia riĉeco de tio ne nur neniel suferas, sed kontraŭe oni akiras en Esperanto multe pli grandan liberecon en vortfarado, ol en iu ajn alia lingvo nacia.

Ankoraŭ unu granda faciligo estis la akcepto de ĉiuj tiel nomitaj *fremdaj vortoj*, konataj en ĉiuj eŭropaj lingvoj kaj nur nemulte ŝanĝitaj per tiu aŭ alia nacia ortografio. Ili restis en Esperanto, alprenante nur ankaŭ esperantan fonetikan ortografion: *lokomotivo*, *telegrafo*, *centro*, *teatro*, *vagono*... nomoj de landoj: *Azio*, *Afriko*, *Francujo*, *Anglujo*, *Japanujo*...*) de sciencoj: *filozofio*, *historio*, *fiziko*, *anatomio*...

La unua parto de la problemo, estis do solvita de Zamenhof plene, per nekredeble simplaj iloj, vere geniel

Pli malfacile estis plenumi du aliajn kondiĉojn. Por fari la lingvon komprenebla eĉ al tiuj, kiuj ne lernis ĝin, Zamenhof dispartigis vortojn en elementojn neŝanĝeblajn, memstarajn, troveblajn en vortaroj ĉiu aparte: *frat*, *in*, *o* ekzemple, konsistas el tri vortoj: *frat*—radiko, *in*—signo de virina sekso, *o*—signo de substantivo. Ĉar ĉiuj elementoj troviĝas en vortaro, estas do vere, ke ĉiu povas tuj klarigi al si la sencon de ĉiu vorto.

Zamenhof citas bonan ekzemplon por kompari kio okazus se ni farus ion similan en iu ajn lingvo nacia. Li prenas sekvantan frazon germanan: *Ich weiss nicht*, *wo ich meinen Stock gelassen habe. Haben Sie ihn nicht gesehen.* Prenu vortaron germanan kaj provu traduki. Vi havos: *mi blanka*

*) Komparu, ekzemple, kun Volapukaj nomoj de landoj: Flen—Francujo, Yulop—Eŭropo, Filop—Afriko, Silop—Azio, Lap—Alpoj.

*(weiss) ne kie mi pensi (meinen) etaĝo (bastono) kvieta bieno. Havi ŝi (vi)? ne?* Plena sensencaĵo, ĉar vi devas antaŭe scii, ke *weiss* estas tempo de la verbo *wissen, wusste, gewust* ke *meinen* ne estas la verbo *„pensi“*, sed akuzativo de *mein* k. c. El 14 vortoj 6 estas netroveblaj en vortaro, aŭ trovas sin nur pro okaza simileco (meinen, weiss), sed kun alia senco. Tion en sia lingvo neebligis Zamenhof: ĉiun tekston esperantan ĉiu povas legi kun helpo de vortaro kaj ree, ĉiu povas ĉion skribi, ne konante la lingvon.

Ĉar, krom tio, la nombro da gramatikaj finiĝoj estas malgranda (22), kaj la sufiksoj estas ankaŭ nemultenombraj, oni rapide konas ilin ĉiujn kaj la komence uzata analiza dispartigado de vortoj en radikpartoj (inter, naci, a—frat, in, o—profund, aĵ, o—faiĝis baldaŭ nenecesa.

Tamen ĉu la lingvo efektive servis multfoje al personoj, nekonantaj ĝin—kiel supozis la aŭtoro, ĉu multaj Hispanoj skribis al Rusoj, aliĝante al siaj leteroj vortareton esperanto-rusan—pri tio mi dubas: la inercia senmoveco de homa naturo ne estas tiel facile venkebla.

Ankoraŭ pli malfacila estis la tria problemo: interesigi amason da homoj, devigi ilin ellerni la lingvon, venki mokojn, indiferentecon.

Zamenhof petis ĉiujn legantojn de sia libreto sendi al li sciigon, sur kartetoj, donitaj en la libro tute pretaj, kiujn oni devis nur plenumi kaj sendi al la aŭtoro. Tiel facilan taskon, li esperis, neniu rifuzos. La teksto de la deklaracio estis: „Mi subskribita, promesas ellerni la proponitan de d-ro Esperanto lingvon internacian, se estos montrita, ke dek milionoj personoj donis publike tian saman promeson“. Subskribo. Sur dua flanko: Nomo, Adreso.

Personoj, kiuj estas principe kontraŭaj al ideo de Internacia lingvo aŭ neas eblon de ĝia efektivigo estis petataj resendi la karteton kun surskribo: „*kontraŭ*"; tiuj, kiuj estas pretaj ellerni la lingvon en ĉiu okazo, sendepende de la nombro da adeptoj, devis respondi per vorto: „*senkondiĉe*".

Kiam tiamaniere estos atingita 10,000,000 da respondoj favoraj, tiam la nomoj kaj adresoj estos publikigitaj kaj en tiu momento la ekzisto de Esperanta popolo farigos fakto. Zamenhof penas konvinki la legantojn, ke malgranda ofero, kiun li de ili postulas, estas ilia sankta devo al la homaro kaj ke rifuzo estus krimo. Se la formo de la lingvo ne plaĉas al iu, tio ankaŭ ne povas malhelpi respondi: ĉiu povas sciigi la aŭtoron, kiaj ŝanĝojn au kompletigojn li trovas necesaj. La formo de la lingvo ne estas definitiva, ĝi povas esti ŝanĝita per kompetenta Akademio, elektota de la lingvanoj.

En sama jaro 1887 Zamenhof eldonis ankoraŭ polan, francan kaj germanan broŝurojn, preskaŭ identaj kun la unua *) kaj decidis trankvile atendi la rezultatojn de sia enketo dum unu jaro.

---

*) La literaturo esperanta estis komence numerigita laŭ ordo de eliro. Jen estas komencaj 10 numeroj (post la priskribita unua):

№ 2. Dr. Esperanto. Język międzynarodowy. Przedmowa i podręcznik kompletny. por Poloj. 1887.

№ 3. Dr. Esperanto., Langue Internationale. Préface et manuel complet, por Francoj. 1887.

№ 4. Dr. Esperanto. Internationale Sprache. Vorrede und vollstandiges Lehrbuch. por Germanoj. 1887.

№ 5. Internacionalno-russkij slovar. Vortaro por Rusoj. 1887.

№ 6. Słownik międzynarodowy polski. Vortaro por Poloj. 1887.

Tamen, jam en la komenco de 1888, por respondi al multaj demandoj, kiujn li ricevis, Zamenhof skribis novan broŝuron jam nur en Esperanto: *D-ro Esperanto. Dua Libro de l' lingvo Internacia. Kajero N-o 1. Kosto 25 kopekoj. Varsovio. 1888.* (Cenzuro 18-an, t. e. 30-an de Januaro 1888). 50 paĝoj.

Tiu ĉi verketo devis esti unua parto de libro, enhavanta ses kajerojn, elirontajn ĉiujn du monatojn, dum jaro 1888. En la antaŭparolo Zamenhof klarigis la kaŭzojn, pro kiuj li interrompis sian intencitan jaran silenton: „Mia profunda kredo je la homaro min ne trompis — skribis li — la bona genio de l' homaro vekiĝis: de ĉiuj flankoj al laboro ĉiuhoma venas amasoj.... Junaj kaj maljunaj, viroj kaj virinoj rapidas porti iliajn ŝtonojn por la granda, grava kaj utilega konstruo."

Ne povante respondi aparte al ĉiuj demandoj,

---

№ 7. Dictionnaire international-français. Vortaro por Francoj. 1887.

№ 8. International-deutsches Worterbuch. Vortaro por Germanoj. 1887.

Dr. Esperanto's International Tongue. Preface and Complete method edited for English by I. St. Warsaw. 1888

International — English Vocabulary. Vortaro por Angloj. 1888.

Tiuj lastaj du verkoj havas subskribon: „Property of the editor". Pro malbona angla traduko ili ne estis enkondukitaj en la Esperantan verknomaron kaj estis poste anstataŭigitaj de:

№ 9. Dr. Esperanto's. International Language. Introduction and Complete grammar. por Angloj. English edition by R. H. Geoghegan. 1889. [18-a verko].

№ 10. Dr. Esperanto's International-english Vocabulary. Vortaro por Angloj 1889. (23 verko laŭ ĥronologia ordo).

proponoj de ŝanĝoj aŭ petoj rapidigi la aferon, li do decidis respondi publike al ĉiuj.

Krom tio, malgraŭ lia intenco komenci eldonadon de libroj ne pli frue ol estos finita la juĝo de publiko pri lia lingvo, li volis plenumi deziron de multaj personoj — havi libron skribitan jam esperante. Zamenhof anoncis ankaŭ, ke kiam la libro estos finita, la lingvo estos preta, kaj tiam „la aŭtoro tute foriros de la sceno kaj estos forgesita." Ĉu mi post tiam ankoraŭ vivos, — aldonas Zamenhof, — ĉu mi mortos, ĉu mi konservos la forton de mia korpo kaj animo, ĉu mi ĝin perdos, la afero tute ne dependos de tio, kiel la sorto de ia vivanta lingvo tute ne dependas de la sorto de tiu ĉi aŭ alia persono..."

Zamenhof esperis ankaŭ, ke post unu jaro la lingvo estos jam senerara, ĉar ĝi estos trairinta la juĝon de la tuta mondo kaj ĉiuj malbonaĵoj, kiuj povas esti trovitaj en tiu ĉi laboro de unu persono, estos forigitaj per la konsiloj de la tuta mondo kune... Li do ripetas sian antaŭan peton—montri al li erarojn de lia verko kaj ĉiujn deziritajn plibonigojn.

La alsenditaj respondoj estis tre diversaj. Unuj parolis pri la aŭtoro, anstataŭ paroli pri la afero. Ili aŭ laŭdis lin, aŭ kontraŭe, esprimis konvinkon, ke li estas nesufiĉe instruita. Zamenhof deklaris tiam, ke li efektive ne estas instruita lingvisto, sed senmerita, nekonata homo kaj konkludis: „se la verko estas bona—prenu ĝin; se ĝi estas malbona—ĵetu ĝin..."

Aliaj respondintoj skribis filozofiajn, sciencajn raportojn pri historio de lingvoj naciaj, pri leĝoj de bonsoneco, proponis preni sanskritajn aŭ aliajn radikojn. Kelkaj opiniis, ke ĉar dek miljonoj da lingvanoj neniam estos kolektitaj, la afero neniam efektiviĝos. Laŭ ili, tiu projekto estas cetere matematike ne ebla, ĉar supozante, ke por enskribi unu prome-

santon estas necesa nur unu minuto, tiam laborante eĉ dekkvin horojn ĉiutage, la pretigo de la listo daŭros 30 jarojn kaj por publikigi ĝin estas necesa riĉeco de Krezo! Similaj serĉuloj estis multenombraj inter la respondantoj.

Restis tamen pli seriozaj kritikistoj. Multaj, videble, pripensis bone la aferon, ekzamenis proponojn de ŝanĝoj, faris rimarkojn, kiujn la aŭtoro juĝis diskuteblaj. Al tiuj li do dediĉis sekvantan saĝan kaj senpartian respondon:

„Mi scias tre bone“, skribis Zamenhof, „ke la verko de unu homo ne povas esti senerara, se tiu homo eĉ estus plej genia kaj multe pli instruita ol mi. Tial mi ne donis ankoraŭ al mia lingvo la finan formon; mi ne parolas: jen la lingvo estas kreita kaj preta, tiel mi volas, tia ĝi estu kaj tia ĝi restu! Ĉio bonigebla estos bonigata per la konsiloj de la mondo. Mi ne volas esti *kreinto* de l'lingvo, mi volas nur esti *iniciatoro*. Tio ĉi estu ankaŭ respondo al tiuj amikoj de l'lingvo internacia, kiuj estas neatendemaj kaj volus jam vidi librojn kaj gazetojn en lingvo internacia, plenajn vortarojn, vortarojn nacia-internaciajn k. c. Ne malfacile estus por mi kontentigi tiujn ĉi amikojn, sed ili ne forgesu, ke tio ĉi estus danĝera por la afero mem, kiu estas tiel grava, ke estus nepardoneble faradi laŭ propra decido de unu homo. Mi ne povas diri, ke la lingvo estas preta ĝis ĝi estos trairinta la juĝon de l'publiko. Unu jaro ne estas eterno kaj tamen tiu ĉi jaro estas tre grava por l' afero. Tial ankaŭ mi ne povas fari iajn ŝanĝojn en la lingvo tuj post la ricevo de la konsiloj, se tiuj ĉi konsiloj estus eĉ la plej seneraraj kaj venus de la plej kompetentaj personoj. En la daŭro de la tuta jaro 1888 la lingvo restos *tute sen ŝanĝo*; sed kian la jaro estos finita, tian ĉiuj necesaj ŝan-

ĝoj, antaŭe analizitaj kaj provitaj, estos publikigitaj, la lingvo ricevos finan formon kaj tia*n* komencos ĝia plena funkciado. Juĝante laŭ la konsiloj, kiuj estas senditaj al mi ĝis hodiaŭ, mi pensas, ke la lingvo kredeble estos ŝanĝita tre malmulte, ĉar la plej granda parto de tiuj konsiloj estas ne praktika kaj kaŭzita de nesufica pripensado kaj provado de l'afero; sed diri, ke la lingvo tute ne estos ŝanĝita, mi tamen ne povas. Cetere, ĉiuj proponoj, kiujn mi ricevas, kune kun mia juĝo pri ili, estos prezentataj al la juĝo de l' publiko aŭ de ia el la jam konataj instruitaj akademioj, se inter tiuj ĉi estos trovita unu, kiu volos preni tiun ĉi laboron. Se ia kompetenta akademio min sciigos, ke ĝi volas preni tutan laboron, mi tuj sendos al ĝi la tutan materialon, kiu estas ĉe mi, mi fordonos al ĝi la tutan aferon, mi foriros kun la plej granda ĝojo je eterne de l' sceno, kaj el aŭtoro kaj iniciatoro mi fariĝos simpla amiko de l' lingvo internacia, kiel ĉiu alia amiko. Se tamen nenia el la instruitaj akademioj volos preni mian aferon, tia*n* mi daŭrigos la publikigadon de l' proponoj sendataj al mi, kaj laŭ mia propra pensado kaj laŭ la pensoj de l' publiko, sendataj al mi pri tiuj proponoj, mi mem, antaŭ la fino de l' jaro, decidos la finan formon de la lingvo kaj mi sciigos, ke la lingvo estas preta" *).

Okazis tamen en sama jaro grava fakto, rilatanta senpere al la afero de Lingvo Internacia, kiu de-

---

*) La „Dua libro" krom antaŭparolo (16 paĝoj), enhavis: 16 lingvajn ekzercojn (pp. 16-30); tradukon de „La ombro", mirrakonto de Andersen (pp. 30-47); Popoldirojn; tradukon de „Kanto de Studentoj" de Hemza (35 ver.) kaj poeziaĵon „El Heine" (8 v.), tradukitan de K. D. (entute 50 paĝojn).

vigis Zamenhof ankoraŭ unufoje ŝanĝi sian intencon kaj skribi novan verketon.

Jam en la fino de 1887, en Usonio, „The American Philosophical Society" en Philadelphia (Filadelfia) *) diskutis la problemon pri lingvo internacia kaj elektis specialan komision por esplori kaj decidi tiun demandon. La komisio opiniis, ke la problemo estas solvebla kaj precizigis kondiĉojn, al kiuj devas respondi lingvo arta por atingi sian celon, kiel internacia komprenilo. La ĉefaj estis: simpleco de gramatiko, ortografio kaj fonetiko; vortradikoj kiel eble pli internaciaj; belsoneco. Kiel konkludon ĝeneralan la Komisio esprimis proponon inviti por definitiva solvo de la problemo ĉiujn sciencajn instituciojn en la tuta mondo.

Konforme al tiu ĉi decido, la Filadelfia societo dissendis invitojn al ĉiuj sciencaj societoj, proponante organizon de tutmonda kongreso.

Jam fininte tiujn ĉi preparajn laborojn, la Amerika Societo ricevis la broŝuron de Zamenhof. Henry Phillips, sekretario kaj membro de la Komisio, ekkoninte tiun ĉi verkon, faris detalan kaj plej por ĝi favoran raporton.

La plej nova propono al la publiko kaj ĝis nun la plej simpla kaj la plej racia estas, — li diris, — „la Lingvo internacia" kreita de d-ro S. **) el Varsovio. La principoj, sur kiuj ĝi estas fondita, estas en la tuto malerarai: ĝia vortaro ne estas kreita laŭ la persona volo kaj juĝo de l'aŭtoro, sed prenita el lingvoj franca, germana kaj angla kaj parte el la la-

*) Fondita en jaro 1743 de Franklin.

**) En tiu ĉi tempo Zamenhof skribis iafoje sian nomon laŭ germana ortografio: Samenhof. Ni ne bezonas klarigi, ke kvankam multaj Francoj prenis tiun ĉi nomon por rusa, danke al finiĝo of (kiel Ivanof), etimologie ĝi estas germana.

tina, kaj ĝi enhavas vortojn, kiuj estas similaj en tiu ĉi lingvoj; estas nur faritaj kelkaj ŝanĝoj pro bonsoneco. Pro tio kaj pro ĝia gramatiko la lingvo estas mirinde facila por lerni, prezentante neniajn el la kalejdoskopaj rompajoj kaj ŝiraĵoj de Volapuk. La gramatiko de tiu lingvo estas el la plej simplaj, tiel simpla, kiel en nia propra lingvo *(angla)* kaj la reguloj por kreado de vortoj estas tiel klaraj kaj tiel facilaj, ke la vortaro el radikvortoj povas esti farita tre malgranda... D-ro S., kiu skribas sub la nomo de d-ro Esperanto, estas tre modesta en siaj postulaĵoj kaj proponas sian lingvon al la publika kritiko tra la tempo de unu jaro, antaŭ ol li donos al ĝi la finan formon. Post tiu fina trarigardo kaj ŝanĝo li volas prezenti ĝin por publika uzado. Li petas siajn legantojn promesi lerni la lingvon nur tiam, se 10,000,000 personoj estos donintaj saman promeson. Mi esperas, ke la fina trarigardo de la „Lingvo internacia“ kondukos al la korekto de la eraroj, kiujn mi montris, kaj la tuta mondo povas kuraĝe doni la petitan promeson“ *).

Phillips proponis nur kelkajn ŝanĝojn.

Kiam Zamenhof vidis, ke aŭtoritata, scienca institucio prenas sur sin efektivigon de lia malnova, dum tiom da jaroj dezirita revo pri internacia kongreso, li jugis sian rolon—plene finita.

Anstataŭ la projektitaj ses kajeroj li do eldonis malgrandan broŝuron **) por sciigi „la amikojn“, ke

*) „An attempt towards an International Language by Dr. Esperanto, translated by Henry Phillips Jr. A secretary of the American Philosophical Society. — together with an english—international vocabulary compiled by the translator“. New-York. 1889.

**) „Aldono al la Dua libro de l'Lingvo internacia“ Varsovio' 1888. 19 paĝoj.

la tuta sorto de la lingvo internacia de nun transiras en la manojn de la kongreso kaj ke la fina formo, kiun la kongreso donos al la lingvo, devos esti leĝdonanta por ĉiuj amikoj de la „Lingvo internacia“, *se la kongreso eĉ trovus necesa ŝanĝi la lingvon ĝis nerekonebleco.* „Mia rolo—li skribis,—nun estas finita, kaj mia persono tute foriras de l'sceno... Al ĉiuj ŝanĝoj, kiujn la kongreso post fonda provado trovos necesaj, mi jam antaŭe donas mian plenan konsenton“.

Pro tio Zamenhof konsideris la eldonadon de la ceteraj kajeroj de la „Dua Libro“ jam ne bezona: li anoncis, ke „la nuna kajero estas la lasta kaj la aŭtoro nun ĉesigas je eterne sian laboradon. Ĉion, kion mi de nun faros aŭ skribos, mi faros jam kiel simpla privata amiko de la lingvo internacia, havante nek pli da kompetenteco, nek pli da moralaj aŭ materialaj privilegioj, ol ĉiu alia“...

La kreinto, aŭtoro de la lingvo, metis sin propravole kiel simpla laboristo en unu rangon kun ĉiuj aliaj. Bela kaj malofta trajto de karaktero!

Siajn lastajn dezirojn, kiel aŭtoro, Zamenhof resumas en 9 sekvantaj punktoj:

1) se malgraŭ ĉio la kongreso ne efektiviĝos, tiam—sed ne antaŭ kvin jaroj—la amikoj de lingvo internacia devas organizi mem internacian Kongreson por decidi ŝanĝojn kaj bonigojn;

2) li enkondukas ŝanĝon, solan en la unua formo de la lingvo, nome: anstataŭigon de adverboj tempaj de la tipo: *kian*, *tian*, *ĉian...* per: *kiam*, *tiam*, *ĉiam...*, por diferencigi de la akuzativo de *kia*, *tia...*

3) li permesas anstataŭigi la signojn de la signitaj literoj *ĉ*, *ŝ*, *ĝ*, per iaj ajn aliaj signoj aŭ per litero *h*: *ch*, *sh*, *gh*, kaj *ŭ* per *u*, se tiuj literoj kreas malfacilaĵojn en presejoj, en telegramoj k. c.; la in-

ternaj dividoj povas ankaŭ esti signitaj per apostrofoj aŭ baretoj: *frat'ino*, *verk-et-o*...

4) li plene konsentas, ke lia vortaro ne estas plena, nek sufiĉa („se kun ĉiu vorto oni devus atendi, ĝis mi ĝin kreos,· tiam la lingvo neniam estus finita kaj ĉiam estus en dependo de mia persono"), sed li opinias, ke estas necesa nur unu komuna fundamento (t. e. la unua broŝuro); ĉio cetera devas esti kreata de la vivo. Sole kompetentaj devas esti en tio: talento, logiko kaj leĝoj, kreitaj de la plej granda parto de la verkantoj kaj parolantoj...

„Se ia vorto—diras Zamenhof—ne estas trovata en la vortaro, kiun mi eldonis, kaj oni ĝin ne povas fari mem laŭ la reguloj de la internacia vortfarado, nek anstataŭigi per alia esprimo, — tiam ĉiu povas krei tiun vorton laŭ lia persona plaĉo; ankaŭ se naskiĝus ia demando stilistika au eĉ gramatika, ne decidita klare en mia unua broŝuro, ĉiu povas ĝin decidi laŭ sia juĝo, kaj se vi volas scii, ĉu vi bone decidis tiun demandon, turnu vin ne al mi, sed rigardu, kiel tiun demandon decidas la plejmulto de l'verkantoj. Ĉiu vorto, ĉiu formo, kiu ne estas rekte kontraŭ la jam kreita gramatiko kaj vortaro, aŭ kontraŭ la logiko aŭ la leĝoj, enkondukitaj de la plejmulto de l'uzantoj,—estas tute bona; oni devas peni esprimadi siajn pensojn per la jam estantaj vortoj kaj kreadi novajn vortojn nur tie, kie ili estas efektive necesaj,—kaj tiam la vortoj nove kreitaj estos nur malofte disĵetitaj inter la multo da vortoj jam konataj kaj povos facile aliĝi al la lingvo kaj riĉigi ĝin, ne perdigante ĝian unuformecon".

Tiaj novaj vortoj, kreataj de apartaj aŭtoroj, Zamenhof konsideras kiel provincesprimojn en lingvoj naciaj, kaj vidas en tio nenian danĝeron: vortoj, kreitaj malfeliĉe, baldaŭ perdiĝos; vortoj sinonimaj, krei-

taj de diversaj aŭtoroj, batalos inter si, ĝis kiam unu formo praktike elpuŝos aliajn. Zamenhof do ne nur ne malpermesas kreon de novaj vortoj, sed eĉ kuraĝigas memstaran iniciativon de ĉiuj lingvanoj. Por faciligi interkompreniĝon li montras simplan rimedon: sufiĉas montri en krampoj signifon de nova vorto en alia lingva, plej bone en franca kiel plej disvastigita. La leganto, eĉ ne sciante lingvon francan, facile trovos signifon de la vorto en sia vortaro nacia-franca. Fine, por eviti riproĉon, ke li ne povas aŭ ne volas ellabori plenan vortaron pro maldiligenteco, Zamenhof klarigas: „por mi persone estus kompreneble multe pli oportune teni la sorton de l' lingvo internacia en miaj manoj; sed mi deprenas de mi tutan aŭtoritaton nur tial, ke mi profunde kredas, ke tion postulas la interesoj de l'afero. Sed, se la estonteco montros, ke mi eraris kaĵ ke plena vortaro devas esti kreita de unu persono, la leganto ne forgesu, ke mi ja povos ĝin fari ankaŭ poste. Sed mi faros ĝin nur tiam, se la tempo montros, ke ĝi estas efektive necesa".

5) Al riproĉo, kial li ne prenas sur sin eldonadon de naciaj vortaroj, de sistemaj kaj vastaj lernolibroj k. c., li respondas per lerta rimarko: ĉiu estas egale morala kaj materiala mastro de la lingvo, kiel mi mem; ĉiu do povas eldoni ĉiajn necesajn verkojn, ne atendante ĝis mi tion faros: „mi faris kion mi povis: ke ĉiu amiko de la lingvo faru ankaŭ, kion li povas"...

6) Li promesas komenci baldaŭ eldonadon de adresaroj de la „promesintoj", kvankam multaj personoj, kiuj laboras pri la afero kaj tute bone korespondas en lingvo internacia, ne sendis „promesojn".

7) fine Zamenhof turnas sin al siaj lingvanoj

kun varma peto, ke ĉiu laboru laŭ povo *senbrue, diligente, konstante* kaj ne zorgante pri mokoj kaj indiferenteco. Ĉiu en sia lando devas skribi pri la lingvo en plej legataj ĵurnaloj, devas korespondadi, kolekti „promesojn". Eĉ se ili neniam atingos la esperatan nombron, ili montros konstantan senrompan kreskon de la afero. Zamenhof alvokas speciale ĉiujn samideanojn al literaturaj laboroj, ĉar nenio povas tiel bone imponi al la amaso, kiel konstantaj signoj de vivo. Krom tio, ĉiu nova gramatiko kaj vortaro nacia ne nur donos al tiu nacio la eblon aliĝi al la homara 'afero, sed samtempe per unu fojo donos al la tuta mondo la eblon korespondi libere kun ĉiu ano de tiu nacio. *Oni devas eldoni pli vastajn lernolibrojn*, laŭ bonaj metodoj, kun multaj ekzemploj, ĉar la lernolibroj, kiujn li eldonis mem, estas tre malgrandaj, kunpremitaj kaj faritaj nur por homoj pli-malpli instruitaj. Fine, kiel eble plej multe da verkoj en la lingvo internacia, originalaj aŭ tradukitaj. Ĉiu el la amikoj de l'lingvo aparte povas ankaŭ eldoni nur malmulte, sed se ĉiu el ni farus tiun malmulton, kiun li povas, tiam la literaturo de l'lingvo internacia rapide vastiĝus. La eldonantojn de verkoj li petas ankaŭ, ke en la fino de ĉiu verko, kiun ili eldonos, ili presu ĉiam la plej novan el la nomaroj. Tre grava estas ankaŭ diligenta uzado de la lingvo en korespondado kun amikoj kaj konatoj aŭ eĉ kun nekonatoj. Ricevinte leteron internacian kaj kompreninte ĝin, kvankam li la lingvon ne lernis, la adresito vidos praktike la oportunecon de l'lingvo, kaj li komencos ĝin uzadi mem: se li restos indiferenta, tiam ricevinte kelkajn fojojn tiajn leterojn, li jam scios sufiĉe bone la lingvon, tute ĝin ne lerninte. Estus bone, se en ĉiuj urboj kaj urbetoj estus kreitaj rondetoj por kune labori.

La finaj vortoj de Zamenhof estis: „Tiu ĉi libreto estas la lasta vorto, kiun mi elparolas en rolo de aŭtoro. De tiu ĉi tago la estonteco de la lingvo internacia ne estas jam pli multe en miaj manoj, ol en la manoj de ĉiu alia amiko de la sankta ideo. Ĉiu el vi povas nun fari por nia afero tiom same, kiom mi, kaj multaj el vi povas fari multe pli ol mi, ĉar mi estas sen kapitaloj kaj el mia tempo, okupita de laboro por ĉiutaga pano, mi povas oferi al la amata afero nur tre malgrandan parton. Mi faris por la afero ĉion, kion mi povis".

Ni do vidas, ke Zamenhof, forŝovinte sin mem kun plena ofero de sia propra sinameco, nenion tiom deziris, ol ke la afero de lia lingvo trapasu en manojn de ia aŭtoritata scienca institucio.

Sed la esperoj je la Filadelfia societo baldaŭ disbloviĝis; al la dissenditaj invitoj, post longa atento, alvenis—kvin respondoj! Dana Scienca Akademio en Kjobenhavn, Universitato de Edinburg, Amerika Societo „for advancement of Sciences" kaj Franca Societo Zoologia—promesis kunlaboradon; kvinan respondon, rekte kontraŭan, donis Londona Societo Filologia*).

Ripetiĝis historio malnova, kiu ofte okazas ĉe la apero de novaj sciencaj teorioj aŭ praktikaj eltrovaĵoj. La sciencaj korporacioj, pro tro granda sin-

*) Verŝajne pro tio, ke ĝia sekretario, Al. J. Ellis, estis tiam decidita Volapukisto. Laŭ Auguste Demonget krom la cititaj societoj akceptis la inviton ankaŭ: Societo geografia en Halle kaj Batavian Society en Rotterdam.

(Examen critique du Volapuk. Un nouveau système de Langue Internationale: L'Internacia du Dr. Esperanto présenté par Leopold Einstein traduction de Auguste Demonget. Paris. 1889. p. 32).

